PENSEO

N-ro 206

dec. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

Vejdo

# Flirtanta Verda Flago

Okaze de Z-Festo 2008

—laŭ ĉinesko Shuidiaogetou

jam ne en sonĝo
nia afero
koketis pompe per
bela ekstero
verda flago flirtas
impone inspire
jen kun espero
kaj kuraĝigo
sur vasta tero

jam tempo
alvenas
en vero
por atingi
la celon de prospero
la tutmond-verdiga
de majstro Zamehof
nun kun fiero
antaŭen marŝu
trans bariero

# Kelkaj Ĉineskaj Poemoj de Maŭ Zedong

## Maŭ Zedong (1893-1976)

### Neĝo

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

En nordlando
neĝas vaste
ŝlosas glaci'.
Cis kaj trans Mureg'
kovras blanko.
Haltas torent'
sen energi'.
Montserpentoj
elefantoj
vaksaj altas kun pasi'.
Sub sunlum'
ĉi' en ruĝa vest'
ĉarmas des pli.

Antaŭ pejzaĝmagi'
bravuloj
falus kun vekri';
imperiestroj
hontus en stil'
aŭ lamentus
pri verk-graci';
kaj fiera
Ĉengis-Ĥano
nur lertus en pafmeti'.
Ĉiuj for!
Veraj herooj
nun inter ni.

**Qinyuachun: ĉina fiskforma poemo el du strofoj kun12 kaj 13 versoj respektive de 444, 5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimarangô xxa,xxxa, xxa ,xxa / a,xa,xxxa,xxa, xxa (x=senrima)*



# Tri Poemetoj

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Mont'
rajdvipas mi kun volont'.
Kapturne,
jam ĝis ĉielfront'.

Mont'
kiel ruliĝanta ond',
impetas
en batala rond'.

Mont'
enpikas en horizont',
jen kvazaŭ
volb-subtenanta fond'

**Dekses-Silabo: Ĉina fiksforma poemo el 4 kvar versoj de 1,7,35 silaboj laŭ rimaranĝo aaxa (x= senrima)*

## Changsha

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

en aŭtunfrost'
ĉe insulet'
alnorda flu'
ruĝe farbitaj
dekmil montoj
jada river'
veloj sur blu'
agloj ŝvebas
fiŝoj naĝas
jen strebe al liberĝu'
en vastaĵ'
kiu ja regas
jen mia ĉu'

ope por rendevu'
ni venis
en temposinu'
ni kunlernantoj
junaj, vervaj
seriozaj
sen ambigu'
kaj kritikis
kaj komentis
pri ranguloj de enu'
en memor'
ni naĝe pelis
barkojn per sku'

***Qinyuachun: ĉina fiskforma poemo el du strofoj kun12 kaj 13 versoj respektive de 444, 5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimarangô xxa,xxxa, xxa ,xxa / a,xa,xxxa,xxa, xxa (x=senrima)*

## Umefloro

—laŭ ĉinesko Busuanzi*

Printemp' alvenas
Kun neĝ' leĝera

En glacio gracilas

vi flor' fiera.

Ne vete pompas

herold' vi vera.

Ĝis montfloroj buntas, vi

ridas espera.

**Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 55,75 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa (x = senrima)*

## Dabodi

—laŭ ĉinesko Pusaman*

l' arkon buntan de ĉiel'
kiu svingadas por bel'?
sub postpluva sun'
montoj verdas en kun'

batal' en vilaĝ'
kugl-trua pejzaĝ'
monton ornamas
ĝi des pli ĉarmas

**Pusaman: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 77,55 / 55,55 laŭ para rimo.*

# Zhuang Qixiong



## Maŭ Zedong

I.

—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo*

Kun grandioza stilo
kaj sankta brilo
Vi skribis poemojn
per ritma fusilo

Dekmil lia
Longa Marŝo—
dolĉa trilo
Montoj kaj riveroj
kantis de jubilo.

**Chaozhongcuo: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 7,5,66 / 444,66 laŭ rimaranĝo aaxa / xxaxa (x = senrima)*

II.

—laŭ ĉinesko Taoyuan Yiguren*

Kun strategiista ŝtal'
mediti pri batal';
Sur dorso de eval'
marŝi en rival'.

Bonodori flav-petal'
kun aparta signal',
kiel sanga sunfal'—
plej bela regal'.

**Taoyuan Yiguren: Ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 7665 silaboj laŭ rimaranĝo aaaa*

III.

—laŭ ĉinesko Dielianhua*

Vi iam fumis ĝoje
kaj rigardis
supren levkape
al anser' sovaĝa tre
suden kun brila ide'.

Sed torentis rivere
en vasta mens'
kiel nova kre'.
ŝtorm' sin levu subite.
por ver-heroa trofe'!

**Dianlianhua: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 5 versoj de 7,45,7,7 silaboj laŭ rimaranĝo axaaa (x=senrima)*

IV.

—laŭ ĉinesko Shanhuazi*

Vi en neĝa vilaĝo
al nord-landa pejzaĝo
senbride revis pri la
vojaĝo.

Pensoj flirtis en ĉiel'
kun poezia saĝo
per genimilitista

kuraĝo.

*Shanhuazi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 7,7,73 / 77,73 silaboj laŭ rimaranĝo aaxa / xaxa (x=senrima)*

V.

—laŭ ĉinesko Renyueyuan*

Por instigi junulojn
pri mensa konstru'
Vi sentime
frapis akvon
en la mezflu'.

Pene provi
sin en ondoj--
plej bona ĝu';
Brave krei
nov-ĉielon—
vera instru'!

*Renyueyuan: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 5 kaj 6 versoj respektive de 75, 444 / 444,444 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xxa / xxa,xxa*

VI.

—laŭ ĉinesko Haoshijin*

Vi ŝparis tempon
eĉ nur unu moment'.
Vi verkis poemojn
kiel monument'.

Vi kreis novan vojon
en duonjarcent'.
Vi paŭsis grand-planon
per zorga ferment'.

*Haoshijin: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 56,65 / 75,65 silaboj laŭ rimaranĝo xaxa / xaxa (x=senrima)*

VII.

—laŭ ĉinesko Xiechichun*

Vi prosperis
per poeta inspir'
en kanjon'
de antaŭdir'
pri glata lag'
ĝis Diina mir'
kun nobla,
granda aspir'.

Romantika,
magia pionir'
restis en
nia sopir'.
Sentima bel'—
sento de akir'.
Plezuroj—
ne plu vespir'!

*Xiechichun: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 8 versoj de 46,34,45,34 silaboj laŭ rimaranĝo xa, xa, xa,xa (x=senrima)*

VIII.

—laŭ ĉinesko Heshengchao*

Vi deklamis en silent',
kun plena talent',
la frazon sur pordego
per kora torent'.

Ni stariĝis
pro eminent'.
La glora moment'
sonoris kaj brilis al
monda orient'!

*Heshengchao: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 7,5,75 / 44,5,75 silaboj laŭrimaranĝo aaxa / xaaxa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_